# BOLETIN

## DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

AÑO VI N.° 10 (70) OCTUBRE, 1954

## UNA BUENA INVERSION

Existe una ley biológica, que todos conocen, según la cual «la función crea el órgano». El desarrollo ontogenético la recuerda en todas sus fases, y, fuera del ámbito biológico, la ley encuentra múltiples manifestaciones, tanto en el ambiente social como en el económico. En el orden lingüístico se ha repetido infinidad de veces que el Esperanto nació y se desarrolló cuando las condiciones del ambiente internacional lo condicionaron y posibilitaron, esto es, que tal vez hubiese fracasado ruidosamente, como sus predecesores, si un genio creador lo hubiese lanzado para uso de una humanidad todavía no preparada para su disfrute.

Y por el mismo motivo, si actualmente no goza el idioma de Zamenhof de la preponderancia que merece por sus excelentes cualidades, no hay que buscar las causas en sus probables defectos ni en las faltas que puedan cometer en su propaganda sus más o menos afortunados propugnadores. El verdadero, por no decir el único motivo del relativo marasmo evolutivo del Esperanto radica en esta verdad: la humanidad no lo apetece «todavía» con el ansia y la sed que los esperantistas desean.

Son todavía demasiados los hombres de ciencia que se satisfacen con oír conferencias ininteligibles. Son todavía demasiados los políticos que se resignan a escuchar interminables cantinelas, absolutamente incomprensibles, en los más diversos idiomas. Son todavía demasiados los turistas que se limitan a ver países extraños sin comprender la música del habla correspondiente, contemplando los paisajes como en un gran álbum de impresiones secas. Son todavía demasiados los estudiantes que pierden meses y años antes de adaptarse al idioma del país visitado. Y, en fin, son todavía demasiados los ingénuos que se resignan a ser eternos aprendices de un

# LA EKZAMENOJ EN LA PASINTA KONGRESO

Post zorga kontrolo pri la taskoj de la kandidatoj partoprenintaj ĉi tiujn ekzamenojn, ĉi tiu komisiono konsideras sukcesintaj pri LINGVA KAPABLO jenajn gesamideanojn:

S-roj Jaime Aragay, Doroteo Arnáiz, Evelio Calvet, Andrés Candela, Domingo Cebollero, Florencio Enfedaque, José Gómez Ibars, José Guío, Vicente Hernández Llusera, Antonio Marco Botella, Emilio Miralles, F-ino María Luisa Moreno, S-roj Francisco Javier Nagore, Saúl Orea, Luis de Otaola y Faón, Marco Aurelio Perles, F-ino Mercedes Prado, S-roj Angel Salete Tejero, Julio Salgado, Javier Santamaría kaj Fernando de la Torre.

La menciitaj gesamideanoj devos sendi 15 pesetojn al nia Federacio por ricevi la diplomon pri KAPABLA ESPERANTISTO.

Kaj jen la nomoj de la kandidatoj aprobitaj pri INSTRUISTA KAPABLO:

S-roj Jaime Aragay, Evelio Calvet, Andrés Candela, Florencio Enfedaque, José Gómez Ibars. Vicente Hernández Llusera, Antonio Marco Botella, Emilio Miralles, Francisco Javier Nagore, Saúl Orea, Luis de Otaola y Faón, Marco Aurelio Perles kaj Angel Salete Tejero.

Ankaŭ ĉi tiuj devos sendi al nia Federacio 15 pesetojn por la koncerna diplomo.

Ĉi tiu juĝkomisiono bedaŭras, ke kelkaj ekzamenitoj ne atingis la antaŭfiksitan poentaron, kaj tial ili devis esti forigataj de la listo. Tamen ili ne devas malkuraĝiĝi kaj, post konscia studo, ili klopodu gajni la laŭron en la venonta jaro, en Gijón.

Dum venontaj kongresoj la ekzamenoj estos sendube unu el la plej interesaj kaj praktikaj programeroj, kiuj ne devos esti forgesataj.

Nome de la Juĝkomisiono

*Luis Hernández.* *D-ro Rafael Herrero*

---

idioma que nunca, nunca, llegarán a poseer... Mientras exista ese ambiente de conformismo ante tan monstruosas incongruencias, no habrá para el Esperanto el necesario clima para su lógico desarrollo y su merecido triunfo. Hasta ese momento, el idioma internacional será tan sólo una inmensa satisfacción para una minoría, que verá con una gran pena el espectáculo de un quietismo craso y de un fatalismo incomprensible. Hasta entonces serán inútiles los argumentos y las razones, que ya se prodigaron durante lustros y más lustros, sin más resultados que el convencimiento no seguido de la adopción. Son centenares los convencidos, pero es sólo uno, entre todos, el que, tras el convencimiento, se decide a estudiar el idioma. Entre los centenares o miles de convencidos de la bondad del Esperanto, sólo uno posee el «clima» moral y espiritual necesario para que germine en él la semilla del idioma internacional. De ahí que, quien logra captar más adeptos para el Esperanto, es el que sabe adivinar con más exactitud quién tiene una mente más apta para el desarrollo del idioma y de los motivos morales que lo hacen necesario y útil.

Ante la inminencia de graves decisiones en organismos internacionales, referentes al Esperanto, no podemos menos que recordar la ley biológica que las ha de condicionar y producir. Y como esas premisas se desenvuelven todavía completamente fuera del clima oportuno para el florecimiento del idioma auxiliar, no podemos menos que formular nuestros más pesimistas augurios. Si algo se consigue, será debido a la elocuencia y persuasión de nuestros defensores; algo así como una decisión retorcida... Mientras tanto, los esperantistas deben contentarse, y no es poca cosa, con la satisfacción de hallarse en un ambiente moral y social envidiable; de contar, por todo el mundo, con una extensa familia; de gozar del inmenso placer de manejar un idioma que proporciona insospechadas satisfacciones... Todo ello significa el ciento por uno como rendimiento a un pequeño esfuerzo, y, por lo tanto, la mejor inversión para un propósito altamente moral y loable.

*Dr. Rafael Herrero.*

# LAŬTPAROLILO DE LA ESPERANTISTARO

Opinioj, sugestoj kaj kritikoj de la legantoj

## KIU KULPAS?

Vere, la titolo de ĉi tiu artikolo ne devus esti demanda sed aserta, ĉar ĝi temas pri la nesufiĉo de la kotizo al nia Federacio kaj pri la malgranda nombro de la federacianoj. Estas tute klare, ke kulpantoj ekzistas, kaj kuraĝe ni devas malkovri ilin, kaj montri la problemojn, kiujn ili kreas.

Certe ke nia Federacio baraktas meze de malbona ekonomia stato, ĉiam regas manko de mono por ĉia entrepreno, kaj oni ne povas antaŭvidi, ĉu tia situacio pliboniĝos. Ja en ĉiu nacia kongreso, kie regas gaja entuziasmo, oni promesas batali kaj «varbi novajn membrojn», sed mi rimarkis, ke post la fino de la kongreso kaj kiam la trankvileco alvenas, la memoro fiaskas kaj oni forgesas la «varbadon», kio estas konsiderata de preskaŭ ĉiuj esperantistoj kiel la nura solvo por ambaŭ kunligitaj problemoj: la ekonomio kaj la nombro de la membroj. Mi opinias tute male, ĉu ne estus pli bone postuli de ĉiuj hispanaj esperantistoj la plenumon de ilia devo. Tiu devo estas simple aparteni al la Federacio kaj subteni ĝin. Ĉu ne estas hontinda situacio por la hispana esperantistaro, ke la nombro de la federacianoj estas, laŭ mia scio, proksimume nur 600? Sendube ke la esperantistoj en nia lando, miaopinie, nombras pli ol 3.000. Kaj antaŭ ni, prezentiĝas la demando, kial la plej granda parto de la esperantistoj ne apartenas al nia Federacio? Diversaj kaŭzoj motivas tian sintenon; por mi la ĉefa estas ke, aŭ ni ne sciis forigi la malnovajn metodojn kaj kutimojn, aŭ tiuj esperantistoj, pro komforto, ne deziras rekoni ke la tempo pasas kaj ke ĉio ŝanĝiĝas, ke la malnovaj kotizoj tute ne povas ekzisti, kaj ke la kosto de ĉio plialtiĝis ĝis super la nuboj; ke estas ni, esperantistoj, kiuj devas monsubteni niajn lokajn klubojn kaj samtempe la Federacion; ke la Federacio konsistas el kluboj kaj, siavice, la kluboj el anoj. Tiel ne ekzistus klubo sen anoj aŭ Federacio sen kluboj. Plej grava subteno por la ekzisto de nacia Federacio, estas la kluboj, kaj sur ili sin apogas la Federacio. Sed se la membroj rifuzas tiun helpon, la rezulto povas esti nur la malfortigo de nia landa asocio. La Federacio estas la koro kaj la kapo de la esperanta korpo, ili estas la ĉefaj partoj, sed tute ne povas funkcii se la aliaj membroj ne funkcias. Normala funkciado de la negravaĵ membroj igas sane marŝi la koron kaj kapon; male, povas okazi ankaŭ, ke malsanaj koro kaj kapo malsanigas la aliajn membrojn, sed en la jena okazo, estas la membroj kiuj kulpas pri la ne sana funkciado de la koro kaj kapo.

La malbonaj esperantistoj, tiuj, kiuj sin nomas esperantistoj sen merito je tiu titolo, kulpas pro la malriĉeco kaj malgranda membronombro de nia Federacio. Tamen, prezenti problemon kaj ne doni al ĝi solvon, signifas fini la artikolon lame. Mi proponas projekton, el kies efiko venos la solvo. La estraroj de ĉiuj kluboj devus devigi iliajn anojn, aparteni al la Federacio; oni devas rimarkigi al ili tiun neceson, oni devas altigi la kluban ĉiumonatan kotizon ĝis kovri la federacian parton, tiel la klubanaro apartenos amase al la Federacio, kaj ĉi tiu havos la rimedojn por entrepreni novajn projektojn. Eble oni trovos barojn en tiu vojo, eble ekzistas esperantistoj, kiuj ŝirmitaj post forta tranĉeo pafos siajn argumentojn kontraŭ la federacia sano. Nia supera kanono estas la aktualigo de nia movado, ĝia modernigo, kaj rilate al tio, ni ne permesu ripozmomenton al la praulanoj; ili kulpas; ke ili kondutu kiel bonaj esperantistoj, de nacia kaj de loka vidpunkto. Ni varbu unue la esperantistojn kaj se ili rifuzas esti varbataj, ni forĵetu ilin el nia esperanta ŝipo, ĉar ili nur signifas ŝarĝon pezan por ĝi, kaj ne permesas la antaŭeniron laŭ la rapideco, kiun ĝi kapablas. For la testuda movo. Ni aliĝu al niaj lokaj kluboj kaj, per ili, ni apartenu al la Federacio. Nur tiel ĝi estos riĉa kaj multenombra, nur tiel nia koro kaj kapo povos sane kaj efike funkcii. Tiel la esperantistaro atingos bonajn rezultatojn.

*J. López Herrero*
**Prezidanto de Madrida Esperanto-Klubo.**

# NOVAJ LIBROJ

*Recenzistoj esprimas ĉi tie siajn proprajn juĝojn pri verkoj.*
*La Redakcio kaj la Estraro de H E F estas tute sendependaj de iliaj opinioj.*

**PLENA VORTARO DE ESPERANTO, 4-a** eldono kun Suplemento. Kompilita de Profesoro G. Waringhien. 511 paĝoj plus 63 de la Suplemento. Formato 98 x 145 m/m. Tole bindita. Eldonis S. A. T. 67 Av. Gambetta, Paris-20. Akirebla ĉe Libroservo de Hispana Esperanto-Federacio.
Prezo: 100 pesetoj plus 5 pesetoj por la sendkosto.

Ĉiu aktiva esperantisto konas la utilon, kiun, por korekta kaj ĝusta apliko de la lingvo, liveris la tri jam elĉerpitaj eldonoj de la Plena Vortaro, tiu ege valora verko, kiun ni ŝuldas al la kuraĝa iniciatemo de S. A. T. Tamen, kun skeptika scivolemo mi atendis la aperon de ĉi tiu kvara eldono pro la scio, ke oni ĝin aranĝis laŭ tre reduktita formato kaj ke oni ĝin garnis per pretendema Suplemento.

Efektive, ĝia publikiĝo plene konfirmis kaj eĉ plifortigis mian skeptikemon. La bela volumo de la antaŭaj eldonoj transformiĝis en mizera libreto, kun tiel ekstreme malgrandigitaj literoj, ke por legi la tekston nepre oni devas uzi lupeon, se oni ne volas difekti siajn okulojn. Iomete ridinda ŝajnas la ŝparemo de la eldonintoj, se oni konsideras, ke, por eviti la koston de nur malmultaj rismoj da papero, oni eble bezonis kompense fari kompletan elspezon por la novaj reduktitaj kliŝoj, se okaze ne perdiĝis tiuj de la tria eldono. Krom tio, neglekto ĉe unu paĝo erare forgesita, dum presado kaj bindado, kaj kiun dise oni devas enŝovi en la koncernan lokon, atestas, ke la teknika *novaĵo* ne kontentige sukcesis.

Kaj nun, jen kelkaj personaj sinceraj opinioj pri la kerno, pri la Suplemento, pri tiu apendico, kiun la eldonintoj longe anoncis, kiel plej gravan bonaĵon de sia entrepreno. Kredeble, Prof. Waringhien juĝis, ke simpla modesta listo, kun kelkaj dekoj da vere necesaj neologismoj, ne rajtas ricevi la nomon Suplemento; tial, li ŝarĝis 55 densajn paĝojn per 966 pliaj radikoj, el kiuj multaj estas superfluaj, malkonvenaj aŭ tro fakaj. Sekve, anstataŭ ebligi helpon, ili certe kreos konfuzojn kaj ĝenojn al la mezkapablaj esperantistoj, kiuj fakte estas la plej nombraj elementoj en nia popolo. Prof. Waringhien, en konciza antaŭparolo, pravigas sian laboron dirante, ke li faris ĝin sub konsidero al kvar terenoj: 1.° la ĉiutaga vivo; 2.° la tekniko kaj scienco; 3.° la neeŭropaj civilizoj, kaj 4.° la beletro. Sed, en ua parado de religiaĵoj, plejparte sensignifaj, precipe pri la mahometana doktrino, preter teda akumuliĝo de malĉastaĵoj, tra labirinto da difinoj per kiuj, laŭ nova interpreto, oni ordonas nun anstataŭigi aliajn jam familiarajn el la antaŭaj eldonoj, ne kontribuas al adekvata rezultato.

Cetere, esplorante la vastan plantejon de tiuj novaj terminoj, oni vidas, ke en la kompilo regis prefero por multaj kaprice aŭ... malice altruditaj neologismoj, kiuj, dank' al tio, kun marko de duona agnosko, ĵus eniras lavange en la vortaron, tra larĝe malfermitaj kluzoj, kiel konkreta kvankam bedaŭrinda venko de difinitaj aŭtoroj, kiuj estas famaj ne ja nur pro sia talento, sed ankaŭ pro sia emo tordi la naturan evoluon de nia lingvo. Laŭ tio, en ĉi tiu freŝbakita Suplemento, per lerta maniero, *kvazaŭ senintence,* oni havigas la necesajn materialojn, en formo de surogatoj, por absolute malaperigi la prefikson MAL, kiun diktatore mortkondamnis diletantaj koterioj, malgraŭ ĝia unuaranga fundamenteco kaj aŭtentika populareco, ĝuste sur la riĉa grundo —tiu de la ĉiutaga vivo!— pri kiu emfazas la kompilinto.

Daŭrigante la esploron, estas videblaj la signoj de alia danĝero: temas pri la malkaŝa tendenco, kiu tie floras, sisteme anstataŭigi kutimajn kaj eĉ klasikajn kunmetaĵojn per tute strangaj terminoj, kiujn strabe mi rigardas, kvazaŭ suspektindajn agentojn de la tiel nomataj *naturalismaj* sistemoj de *planlingvo,* inter kiuj la projekto titolata «Interlingue» (lasta pseŭdonimo de «Occidental») situas pli elstare, por logi la okulvitrojn de naivaj intelektuloj, per sia *rekta* komprenebleco.

En niaj vicoj, tamen, la *rekta* aŭ *senpera* komprenebleco ne apartenas al vantaj eksteruloj, sed nur al la esperantistoj mem,

kiuj ĵaluze devas deĵori por efike sin gardi kontraŭ ĉia speco aŭ *specio* (ofta vorteto de Prof. Waringhien en lia Suplemento) de kvina «kolono» celanta detrui *de interne* nian lingvan unuecon.

Pliajn rimarkojn mi povus fari, sed multe da spaco estus ankoraŭ necesa, kvankam sufiĉe da ĝi mi jam okupis, eĉ nur supraĵe prezentante la aferon. Se necese, en alia okazo, mi revenos al la temo kaj daŭrigos pli detale la komentojn. Hodiaŭ, antaŭ ol fini, mi deziras ilustri mian recenzon per kurioza letereto, kiun ĵus sendis al mi bona amiko kaj modesta samideano, kun humoro kaj pacienco por sprite verki sian skribaĵon, preskaŭ ekskluzive uzante radikojn el la *malolda* terminaro. Jen ĝia enhavo:

SUPLEMENTA NOVESPERANTO

Inĝenia ogreto:

Povra kaj trista peticio estas la mia, kaj eble sterila; sed mi ne avancos en la basa kaj turpa vertiĝo korodi, devaluti kaj diskrediti la feblan ESPERANTON (jes, per majuskloj), prodigante pletore kaj orgojle la partikularan selekton leĝere farita, ne de obskura vagabonda reformatoro, sed de ĝirema direktivestro, kiu ascendis sen truko, spano post spano, lante kaj tarde, kaj nun bone dominas la lingvon; tamen, laŭŝajne kontaĝita de la piruetoj faritaj de kamuflita maskerado de pigraj uzurpatoroj de la vera profesio de literatoro, antaŭ ankoraŭ ne unu trimestro, eksponis kaj lanĉis skeĉon de eksplicitaj kaj hastaj esperanteskaj fivortoj.

Mi estas poltrona kaj timida, sed plenumas la duran devon molesti vian atenton per horora desfilo de nur kurta primico de tiaj *fajnaj* fiaskendaj vortaĉoj, neuzitaj en la paseo, kun reklamacia peto al masklaj esperantistoj por tuja prohibicio, ĉiu en sia demarkacio, sen rekviemo nek humidaj suspiroj tepidaj, ĝis decidos oportuna plebiscito.

Via olda filibustro, *Ernesto Guillem.*

Nu, tian Esperanton mi ne konas nek *rekonas.* Tial, do, simple mi deklaras, ke, kvankam respekte kaj alte taksante la sciencon de Prof. Waringhien, neniel mi povas honeste rekomendi la balaston, kiun oni alkroĉis al la bonega Plena Vortaro en ĝia kvara eldono.

LUIS HERNANDEZ

## PRI LA ITALA KONGRESO

De nia amiko Samideano Pastro Carolfi, ni ricevis jenan leteron:

Romo, 2-IX-1954.

Tre estimata redaktoro:

Mi ĵus revenis el Sardinio kie, en Sassari, okazis nia 26-a Nacia Kongreso. En Sardinio estas tre vigla movado kaj pro tio, tie okazis nunjare la kongreso. Ĝi tre bone sukcesis kaj, inter la plej rimarkindaj aferoj dum la inaŭguracio, mi legis tre interesan leteron de Lia Kardinala Moŝto la Ĉefepiskopo de Bologna, kard. Lercaro, letero kiun mi deziras estu presata sur via tre interesa bulteno, por malaperigi kelkajn antaŭjuĝojn de kelkaj katolikoj. Mi sendas al vi kopion kaj plenkore mi vin dankas kaj salutas kune kun la tre karaj hispanaj gesamideanoj.

Via samideano, *P. Modesto Carolfi.*

Bologna, la 15-an de Aŭgusto de 1954.

El Bologna, kie antaŭ du jaroj okazis la Nacia Kongreso de la Esperantistoj, mi sendas al la kongresanoj kunvenintaj en Sassari mian koran saluton kunigitan kun varmaj bondeziroj kaj Beno.

Kaj mi akceptas kaj transdonas kun entuziasmo la proponon, ke la katolikaj esperantistoj de la tuta mondo fariĝu iniciatoroj de la konstruado de templo al ilia protektanto, Sankta Papo Pío X-a, templo, pri kiu mi proponas, ke ĝi ekstaru en mia Bologna kiu, tre antikva kultura centro por la tuta mondo, sentas inter siaj gastamaj tradicioj la noblan taskon interalproksimigi la popolojn.

*Giacomo Card. Lercaro Arcio*
**Ĉefepiskopo de Bologna.**

## LA 27-a KONGRESO DE S. A. T.

De la 31-a de Julio ĝis la 6-a de Aŭgusto okazis en Nancy, Francujo, la 27-a Kongreso de la grava laborista asocio, kiu uzas nur Esperanton, Sennacieca Asocio Tutmonda, kun partopreno de 480 personoj el 15 landoj. Oni faris tri laborkunsidojn ekskursojn, prelegojn, kaj oni decidis ke la venonta kongreso okazu en Linz, Aŭstrio, de la 6-a ĝis la 13-a de Aŭgusto de 1955. Tre interesa kaj simpatia estis la partopreno de 28 geknaboj, kiuj faris sian propran kongreseton, kun aparta programo pri ludoj kaj promenoj.

# DIVERSAĴOJ

***Ĉiu membro de nia Federacio aŭ abonanto de nia bulteno, sendinta solvon de enigmo, gajnos unu poenton. Gajnintoj de 10 poentoj ricevos libropremion. Ni akceptos solvojn ĝis la 1-a de Novembro.***

Ni ricevis korektajn solvojn de la enigmoj n.° 8 kaj 9, de samideanoj S. Roca Rodó, M. A. Perles, A. Escamilla, P. Naranjo, E. Miralles, J. M. Fontcuberta kaj A. Pérez Saura. De la enigmo n.° 8, sendis la solvon samideanoj A. Núñez, V. Monsalve, O. Corrons, A. Candela, J. Fernández Alvarez, R. Albero kaj J. Armadans.

## SOLVO DE LA ENIGMO N.° 8

*Horizontale:* 1 Tiko, medi. 2 Reala, metod. 3 Ornam, elito. 4 Komo, loko. 5 Tir, odo. 6 Id, ni, ni, ve. 7 Lana, ofer. 8 Ate, kep, ind. 9 Bo, ragep, ie. 10 Filolog. 11 Velociped.

*Vertikale:* 1 Tro, silabo. 2 Ierk, dato. 3 Kanot, en, fe. 4 Olamina, ril. 5 Amori, kalo. 6 Negoc. 7 Melon, peli. 8 Melodio, pop. 9 Etiko, fi, ge. 10 Doto, veni. 11 Ido, ferdek.

## SOLVO DE LA ENIGMO N.° 9

*Horizontale:* 1 Kisa, bone. 2 Onark, maten. 3 Dolĉa, insid. 4 Stak, ekas. 5 Ina, leg. 6 Ol, do, od, ar. 7 Sana, olea. 8 Tre, ŝel, urn. 9 Ov, oilat, ad. 10 Orkideo. 11 Esperanto.

*Vertikale:* 1 Kod, tostoj. 2 Inos, larv. 3 Salti, ne, os. 4 Arĉanda, orp. 5 Kakao, ŝike. 6 Delir. 7 Mielo, lada. 8 Bankedo, ten. 9 Otsag, lu, ot. 10 Neis, aera. 11 End, frandi.

## ENIGMO N.° 10

Divida problemo, de V. Monsalve. Scienculo faris dividan operacion, sed malfeliĉe akcidento bruligis la kalkulon kaj li devis refari ĝin, sed nur memoris la ciferon 8 kaj la relativan lokon de la aliaj. Jen la kondiĉoj:

```
x x x x x x x   | x x
x x x           |__________
-----             x x 8 x x
    x x
    x x
    -----
      x x x
      x x x
      -----
```

## ENIGMO N.° 11

Logogrifo, de J. M. Fontcuberta

| | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 6 | 14 | 3 | 20 | 25 | 11 | 4 | 7 | = | Hebrea kordmuzikilo. |
| 22 | 10 | 23 | 6 | 17 | 26 | 14 | | = | Ĝuste kunigis ion materialan al io. |
| 18 | 8 | 7 | 20 | 19 | 16 | | | = | Apartigas de la aliaj. |
| 1 | 2 | 4 | 17 | 9 | | | | = | Konstanta emo fari bonon. |
| 24 | 13 | 27 | 30 | | | | | = | Malplenaĵo en solida materio. |
| 12 | 15 | 21 | | | | | | = | Ekkrii plende pro malfeliĉo. |
| 29 | 5 | | | | | | | = | Pronomo. |
| 28 | | | | | | | | = | Vokalo. |
| | | | | | 1 — | 30 | | = | Anonima proverbo. |

*—Ĉu vi konas la verkojn de Camoens?*
*—Jeees! Belegaj skulptaĵoj!*
*—Kiel! Camoens ne estis skulptisto, sed poeto.*
*—Ho, pardonu mian neatentemon. Hazarde, ni estas tre bonaj amikoj.*
*—Ĉuuu? Camoens ja mortis antaŭ pli ol tricent jaroj!*
*—Ho, ve! Kiel rapide la tempo forpasas...!*

## LERNU TRADUKANTE

*Inter la sendintoj de korektaj tradukoj ni distribuos premiojn, laŭ samaj kondiĉoj kiel por la enigmoj.*

Sendis korektajn tradukojn de la tasko de Junio jenaj gesamideanoj: S. Roca Rodó, M. A. Perles, J. Anguita, E. E. Yelland, A. Criach, A. Escamilla, A. Núñez, V. Monsalve, O. Corrons, A. Pérez Saura, E. Calvet, M. Vallés, J. Fernández Alvarez, R. Albero, M. Buscató, S. Arizmendi kaj E. Pons.

*La traduko, kiun ni juĝis pli korekta, estas jena:*

Tiel enradikiĝis en mi ĉi tiu kutimo, alkuri kiam la veturilo de la lernejaninoj preterpasis, ke la festotagoj ŝajnis al mi senfinaj. La jaro adaptiĝis al ĉi tiu scivolemo, kaj mi kalkulis per ĝi la pason de semajnoj kaj monatoj. Dum la ferioj, invadis min nostalgio tre malfacile difinebla, kiu ne kuraciĝis ĝis denove la veturilo tremigis la stratojn, laŭ la longa trotado de la ĉevaloj, dezirantaj ke eĉ unu minuto da leciono ne perdiĝu. De tiam, ĉiuj miaj grandaj emocioj havis ĉi tiun bruon de tremado de vitroj kaj saltado de feraj radringoj sur granito. Unu tagon, en kiu mia rigardo aventure sin turnis al ŝia profilo, mi rimarkis surprize sur ŝiaj genuoj, kaj sur la lernolibroj enpakitaj en blua papero kaj ligitaj per kaŭĉukaj ringoj, la flavan kovrilon de mia lasta verko «Playa» (Strando), ĵus eldonita. Mia vanteco restis pro ĉi tio tre kontenta, ĉar ĝis tiam nia rendevuo ne estis pli ol abstrakta fenomeno, kiun mi ne klare difinis, kaj de tiu sekundo, estiĝis inter ni pli konkreta interkompreno. Ni jam havis sekreton.

*Kaj nun nova tasko. Peco de la romano «El gran torbellino del mundo», de Pío Baroja.*

**Es una cosa muy curiosa y muy digna de ser estudiada por un psicólogo o por un historiador, el movimiento ascendente y descendente de las familias. Creo que en algunas ciudades vascas, como Bilbao y San Sebastián, es donde mejor se puede estudiar en España este movimiento. Primeramente porque estas ciudades, como pueblos de alguna importancia, son muy jóvenes; luego porque tienen todos los estratos sociales en un medio relativamente pequeño, desde el rural hasta el aristocrático y palaciego. En las regiones donde ha habido ciudades más grandes y más antiguas, la aristocracia es ya estática; está fosilificada y no tiene relaciones directas con la actual corte. En San Sebastián y en Bilbao, no. El movimiento de ascenso es rápido, actual, y en tres, y a veces en dos, generaciones, se ve pasar una familia del campo a la aristocracia. Es curioso observar cómo de pronto una familia siente una inquietud, una fiebre de ascenso, de crecimiento, y cómo todos sus miembros marchan en columna cerrada a escalar una posición social.**

---

## LINGVA KONSULTEJO

Jen tri prepozicioj kiuj kelkfoje konfuziĝas: *ĉe, en* kaj *inter*. *Ĉe* povas montri: 1-e. Tujan apudecon, senperan proksimecon, samlokecon, tuŝecon: Sidi *ĉe* la fajro; li loĝas *ĉe* la vojo; hieraŭ mi iris *ĉe* mian bopatron. 2-e. Samtempecon: *Ĉe* bonega vetero. 3-e. Interrilatecon inter la cirkonstancoj: Dormi *ĉe* fermitaj pordoj. *En* estas uzata kiam montras: 1-e. La lokon, interne de kiu estas io aŭ iu: Mia amiko loĝas *en* Valencio. 2-e. La lokon, internen de kiu almoviĝas iu aŭ io: Skribi *en* kajeron; la infano kuras *en* la ĝardenon. 3-e. La tempon, dum kiu fariĝas ia ago: *En* la vespero; *en* la pasinta monato. *Inter* estas prepozicio montranta: 1-e. La pozicion de io aŭ iu en la spaco, kiu apartigas du aŭ plurajn personojn aŭ objektojn: *Inter* la seĝo kaj la tablo estas infano; esti enfermita *inter* kvar muroj. 2-e. La pozicion de io en la tempo, kiu apartigas du aŭ plurajn momentojn aŭ faktojn: *Inter* la tria kaj la kvara. 3-e. La rilatecon, kiu kunigas du aŭ plurajn personojn akordiĝantajn aŭ malakordiĝantajn: semi malpacon *inter* amikoj; la konsento *inter* najbaraj nacioj. Ĉu la afero restas klara S-ano F. L. el Madrido? Se ne, skribu denove kaj ĝoje ni daŭros la klarigadon.

---

## VIVO SAMIDEANA

La Delegito de HEF en Alcoy, S-ano Antonio Valls Castañer edziĝis kun F-ino Carmen Simó Pascual. Feliĉan kaj longedaŭran mielan lunon.

# LOTERIA NACIONAL

El número adquirido por la Federación Esperantista Española para el próximo sorteo de Navidad (22 Diciembre 1954) es el

# 22.503

Parece ser que los astrólogos han dicho que existen muchas probabilidades de que este año el Gordo caiga en Valencia. Los interesados en participar deberán dirigirse lo más rápidamente posible al depositario *EMILIO PRADES, Derechos 39, Valencia*

---

**JES! Linotipoj prilaboras jam la manuskripton, dum artistoj desegnas ilustr jn kaj plurkoloran kovrilon, preparante la eldonon de la ĉarma ekzemplodona novelo de Cervantes**

## LA MALPRUDENTA SCIVOLULO

**Romaneto el la fama verko «Don - Kiĥoto»**

**en bela modela traduko de Luis Hernández**

Malalta prezo, malgraŭ arta kaj luksa prezento, ebligos tuj ĝian akiron al ĉiu esperantisto. Atendu pliajn informojn!

---

## PLENA VORTARO DE ESPERANTO

Kun Suplemento pri novaj vortoj aperintaj dum la lastaj 20 jaroj. 575 paĝoj, formato 98 x 145 m/m. Tole bindita. Prezo: 100 pesetoj plus 5 pesetoj por rekomendita afranko. Mendu ĉe

LIBROSERVO DE
HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO
Pelayo, 7 — Valencia

---

## ANONCETOJ

● «Korespondo kaj Filatelo», japana gazeto nuntempe abonebla por hispanoj. Jarabono: 30 pes. Peranto: M. Miró Creu, Viladomiu 31, Gironella, Barcelona.

● Ĉiu esperantisto-kooperativisto bonvole interrilatu pri tiu fako kun Esperanto-Sekretariejo de Casa Rochdale (Kultura Asocio de Kooperativistoj), S-ro Luis Martínez Ungría, Junin 432, Buenos Aires, Argentino.

● «Amities Mondiales» estas organizo preta faciligi amikan alproksimigon internacian per korespondado. Adreso: Amities Mondiales, Esperanto - Fako, Mulhouse, Francujo.

● Ni deziras aĉeti la librojn «Quo Vadis?», de Sienkiewicz (L. Zamenhof), 2 volumoj, kaj «Vocabulario Esperanto - Español y Español - Esperanto», de Vicente Inglada Ors. Ni pagos laŭdezire. Libroservo de Hispana Esperanto-Federacio, Pelayo 7, Valencia.

● Norvega Esperanto-klubo serĉas junan instruistinon (eventuale instruisto), kapabla por gvidi kurson dum 4 aŭ 5 monatoj. Oni preferas sudlandanon. Skribu al «Mara Vento» Esperantoklubben Postboks 132, Haugesund, Norvegujo.


BOLETIN
de la
FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA
BULTENO
DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO
VALENCIA

**Redakcio: Str. Pelayo, 7, 1.ª**

**Adresoj de la Federacio**

**Sidejo: Str. Ruzafa, 7 (Casa Chaume)**

**Oficejo: Str. Pelayo, 7, 1.ª**

**Telefonoj: 19532 kaj 53579**

**Oficej - horoj**

**9 ĝis 13'30 kaj 15 ĝis 20**

**Sabate: nur 9 ĝis 13**

**Kunvenejoj**

**Marde: Str. Ruzafa, 7 (Casa Chaume)**

**De 22'30 ĝis 24**

**Sabate: Montepio de la Dependencia Mercantil**

**Str. San Vicente, 67, 1.ª**

**De 15'30 ĝis 18**

**Kotizoj de la Federacio**

**Simpla membro: 15 pesetojn jare**

**Membro - abonanto: 40 pesetojn jare**

**Membro - subtenanto: 75 pesetojn jare**

**La membroj de la du lastaj kategorioj ricevas la Bultenon. La subtenantoj ricevas du ekzemplerojn.**

**Eksterlanda abono al la Bulteno: 40 pesetojn jare**

**Monsendojn adresu al:**

**S-ro Ernesto Hurtado**

**Str. Pelayo, 7, 1.º - VALENCIA**


---

# DONACOJ AL NIA BULTENO

**Antaŭa sumo 2.714 pesetoj.**

**E. Capdevila, 10.—J. Oliveras, 10.—F. Soler, 15.**

**Entute 2.749 pesetoj.**

---

## Donacoj por la Madrida Ekspozicio

**Antaŭa sumo 60 pesetoj.**

**F. Soler, 15.—J. M. Gorris, 10.**

**Entute 85 pesetoj**

PERIS-GRAN VIA M. TURIA, 28-VALENCIA